# INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

26-a jaro SEPTEMBRO-OKTOBRO-NOVEMBRO-DECEMBRO 1974 N-ro 5




La Z-7001 — Nova franca materialo
Rapideco : 300 km po horo

Kliŝo S.N.C.F.

# LA VOJO DE IFEF

IFEF estas faka federacio, kies celoj estas fiksitaj en § 2 de la statuto. La federacio kaj ĝiaj landaj asocioj havas kaj flegas multnombrajn kontaktojn al aliaj organizaĵoj, al sindikatoj kaj fervojaj kompanioj. Same gravaj estas la rilatoj al la Internacia Federacio de kulturflegantaj Fervojistoj (FISAIC) resp al ties landaj asocioj. Por trovi ĉiam ĝustan vojon en ĉiuj tiuj rilatoj, § 3 de la statuto postulas neŭtralecon laŭ ĉiuj vidpunktoj. Tio garantias mezan linion koncerne al ĉiuj aliaj kontaktoj kaj same garantias reciprokan respekton.

IFEF estas « aliĝinta faka asocio » de Universala Esperanto Asocio UEA. Ties komitato en la 59a Universala Kongreso elektis novan estraron. Antaŭaj internaj disputoj, kiuj daŭris ankaŭ dum la UK mem, havis la konsekvencon, ke la longjara prezidanto de UEA, prof. d-ro Lapenna kaj aliaj meritplenaj gvidaj personoj de la movado eksiĝis kaj forlasis la movadon. Ne estas nia tasko, prijuĝi tiujn aferojn, kiuj estas bedaŭrindaj. Sed estas nia afero deklari, ke IFEF daŭrigos sian vojon de strikta neŭtraleco. Tio ne kaŭzos komplikaĵojn, se la vortoj de la nova UEA-prezidanto, d-ro Humphrey Tonkin, kiujn li trovis pri neŭtraleco en la fermo de la UK, ne nur karakterizas la estontan vojon de UEA, sed ankaŭ certigos ĝin.

Joachim Giessner,
Prezidanto.

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ


| | paĝo |
|---|---|
| LA VOJO DE IFEF | 62 |
| 27a IFEF-KONGRESO | 63 |
| ADMINISTRAJ INFORMOJ | 64 |
| JUNULARA ANGULO | 65 |
| 59a UNIVERSALA KONGRESO EN HAMBURGO | 66 |
| RESUMO DE FAKPRELEGO | 67-68 |
| IFES - 75 | 69 |
| INFORMOJ EL LA IFEF-SEKCIOJ | 70-71 |
| EUROPA FERIOSEMAJNO | 72 |
| NEKROLOGO | 75-76 |


## INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

Sekretariejo : E. Kruse, D-6 Frankfurt (M)74, Wienerstrasse — 121, GERMANIO
Redaktoro : Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto : Provinsbanken — DK 9800 — Hjorring — DANIO

# LKK-27-a IFEF-Kongreso

## Informservo komunikas :

**27-a KONGRESO DE IFEF en VILLACH - AŬSTRIO**
10-a ĝis 16-a de majo 1975
Kongresejo : KONGRESSHAUS — VILLACH (A-9500)

Konstanta adreso : 27-a IFEF-Kongreso, Schliessfach 117, A-1103 Wien.
Bankkonto : SPARDA VILLACH, Bahnhofplatz 4, A-9500 VILLACH, Konto nr. 090-060, 27-a Esperanto Kongreso de IFEF.

Kongresa kotizo :

| | - ĝis 31-1-75 - | 1.2-14.4.75 |
|---|---|---|
| a) Kongresano : | aŭ. ŝ 260 | aŭ - ŝ - 320 |
| b) Familianoj, pensiuloj, junuloj ĝis 20-j | 130 | - - 160 |
| c) Simpatianto (ricevos Kongresaĵojn) | 60 | - - 60 |

LOKA KONGRESA KOMITATO (LKK) :
prez. : inĝ. Walter HUBER - Wien ; vicprez. : inĝ. Egon PAWLIK - Villach ; sekr. : inĝ. Wilhelm HERMANN - Wien ; Kas. : Rudolf ZANKO - Wien ; pluaj LKK-anoj : Hans BÜRGER - Linz ; Johann GEROLDINGER - Linz ; Greta GÖSSL - Linz, Ernst QUIETENSKY - Wien ; Josef SCHALLAUN - Wien ; Franz SCHARF - Wien ; Martin STUPPNIG - Arnoldstein ; fakprelego : dip. inĝ. Friedrich TSCHOM - Linz ; kaj diverslokaj kunlaborantoj (publikotaj).

PROVIZORA PROGRAMO :
vendredo 9/5 :
gazetara kunveno, malfermo de ekspozicio, kunveno de la IFEF-estraro kaj LKK.
sabato 10/5 :
akcepto de la kongresanoj, malfermo de la kongresejo, interkona vespero.
dimanĉo 11/5 :
dioservo, solena malfermo, fotado, duontaga ekskurso al Dobratsch - Villach-a montaro, folklora vespero.
lundo 12/5 :
estraro-komitat-kunsido (ne publika), internacia balo.
mardo 13/5 :
komisionaj kunsidoj, fakprelego, arta vespero.
merkredo 14/5 :
estraro-komitat-kunsido (publika), duontaga ekskurso al Trilanda Angulo, vespere sen programo.
ĵaŭdo 15/5 :
plenkunsido, sinjorinaj- junulara programoj, junulara vespero.
vendredo 16/5 :
tuttaga ekskurso al Velden (Wörther-lago), Minimundus - Klagenfurt, fermo de la kongreso.
sabato 17/5 :
komuna forveturo al la postkongreso Salzburg.

Programaj ŝanĝoj reservitaj ! Ne prokrastu - tuj aliĝu ! LKK dankas !

**IFEF - POSTKONGRESO en SALZBURG - AŬSTRIO**

17-a ĝis 19-a de majo 1975
Konstanta adreso : s-ro Anton HUBER, Minnesheimstrasse 17, A-5023 Salzburg/Gnigl, Aŭstrio.
Bankkonto : Salzburger Sparkasse, Alter Markt 3, A-5010 Salzburg, Konto nr. 311.783-5 österr.Eisenbahner Esperantisten Verband - Sbg.
Kongreskotizo : aŭ.ŝ. 150,- la paginto de la kotizo rajtas partopreni ĉiujn aranĝojn laŭ la programo sen plua pago.
Provizora programo : rigardado de la naskiĝurbo de Mozart, vizito de koncerto, ekskurso kaj amuza vespero.

JOH. GEROLDINGER.

# ADMINISTRAJ INFORMOJ

1. — a) Pro la elekto de la komitatanoj G. Delaquaize kaj H. Hauge kiel novaj IFEF-estraranoj necesis kompletigo de la IFEF-komitato. Bonvolu noti la nomojn de la novaj komitatanoj :

Danio : G. Thuesen, Langekaervej 40, DK-2750-Ballerup.

Francio : R. Coyac, 7, rue Hoche, F-78500-Sartrouville.

La landaj asocioj bonvolu atenti, ke la mandato de la nun oficantaj komitatanoj finos kun la 31-a de decembro 1974 kaj ke pro tio necesos ĝis tiu dato elekti kaj komuniki al la ĉefkomitatano la nomojn de la komitatanoj por la oficperiodo 1975-1976.

b) La Junulara Sekcio de IFEF elektis en Tarragona novan gvidantinon. Bonvolu noti la nomon kaj adreson : F-ino Mirella MERLANI, Via Giovanni Verga 69, I-00137-Roma (Italio).

La ĉefkomitatano.

2. — Bonvolu noti :

— ke la sekretariino ŝanĝis la loĝejon. La nuna adreso estas : E. Kruse, D 6 Frankfurt/Main 74, Wiener Strasse 121 - Tel. 0611/65 73 65.

— la nun validan adreson por la landa asocio en Bulgario : Bulgara Fervojista Esperanto-Sekcio, Sofia (Bulgario) Poŝtfako 350.

— ke la gvidadon de la brita landa asocio transprenis

P.N. Harvey, 51 Morrison Avenue, Stevenson K 20 4 HH AYRSHIRE/ Skotlando.

kaj komitatano estas :

Frank Curtis, Tredworth Road, Gloucester G Ll 4 PY/Britio

3. — La kasisto ricevis novajn sumojn por la « japana fonduso ».

Al ĉiuj donacintoj ni kore dankas.

Se ankaŭ vi volas kontribui al tiu ĉi fonduso, bonvolu ĝiri vian monon al la Konto de IFEF — Provinsbanken —DK 9800 - Hjörring-Konto-numero : 8353-35055-0.

Ankaŭ la plej malgranda donaco estas bonvena.

# IFEF - FAMILIO

Al la familio Lani en Plzen (**Ĉeĥoslovakio**) ni direktas koran gratulon pro naskiĝo de ilia dua infano. Ni salutas la filineton

Andrea

kaj deziras al ŝi prosperan kreskadon.

# LA VOĈO DE LA REDAKTORO

Jen IF 5, la 3-a bulteno kiun mi prezentas al vi, de post nia kongreso en Tarragona. Pri la 2 antaŭaj, vi certe faris rimarkojn kaj kritikojn (tamen, nur malmultaj legintoj skribis...) :

Vi vidis ke :

— la 1-a bulteno (IF 3) havis pli malgrandan formaton ; tio estis pro miskompreno kun la presejo, kiu ne uzis, antaŭe, la eŭropan formaton A 5.

— la 2-a bulteno (IF 4) havis la kutiman aspekton, sed nur 12 paĝojn ; la kaŭzo estis la jena : la eldono devis esti iom pli frua ol antaŭe, ĉar la presejo libertempas dum la tuta monato Aŭgusto (franca tradicio) kaj, pro tio, mankis la materialo.

La nuna bulteno (IF 5), fine, estas tute normala ; sed.. ĝi estas la lasta por la jaro 1974. La kaŭzo estas financa, ĉar la kosto de la presado estas iom pli alta en Francio ol en Norvegio ; kaj, por respekti la buĝe-

ton, ni decidis fari nur 5 bultenojn anstataŭ 6, pojare. Bedaŭrinda, sed saĝa decido.

En 1975, vi do ricevos 5 bultenojn kun 16 (kaj eble 20) paĝoj.

La datoj, ĝis kiam vi povos sendi artikolojn, estas :

IF 1 : 20-a de januaro
IF 2 : 15-a de marto
IF 3 : 20-a de junio
IF 4 : 5-a de septembro
IF 5 : 5-a de novembro

Tiujn datojn vi retrovos en ĉiu bulteno, sub la titolo : « Redaktfino ».

Koncerne la envahon, mi deziras rimarkigi al vi la jenon :

— Pres-erarojn mi promesas for-ĉasi sen-kompate, ĝis kompleta malapero...

— La enhavon mi ŝatus ankoraŭ plibonigi, **kun via helpo.**

Mi dankas ĉiujn, kiuj sendis al mi artikolojn. Sed ĉu vi kredas ke estus interese, se ĉiu sekcio de IFEF povus havi lokon, sia-vice, en nia bulteno ?

Tiu loko povus esti rezervita por iu teksto, kompreneble ; sed se vi ne havas tekston, sendu almenaŭ foton... ekzemple foton pri fervoja temo (moderna materialo, nova stacidomo, aŭ alia interesa teknikaĵo de la naciaj fervojoj...), kun kelkaj klarigaj linioj.

Vidu la hodiaŭan front-paĝon : ĝi prezentas francan lokomotivon. Tio estas nur ekzemplo ; ĉu, venontfoje, unu el la 19 aliaj sekcioj povus proponi ion ?

IF devas esti la afero de ni ĉiuj, fervojistoj...

Antaŭan dankon.

La Redaktoro.

# JUNULARA ANGULO



**IFEF - JUNULARO**

Mi dankas ĉiujn kongresanojn pro mia elekto en Tarragona kiel gvidantino de la fervojista Esperanto-Junularo.

Mi petas ĉiuj niajn gejunulojn laŭ eble aktivi en sia lando, precipe por pliampleksigi la rilatojn kun aliaj junularaj ne-esperantistaj organizaĵoj, organizante Esperanto-kursojn kaj klopodante plue disvastigi nian lingvon inter la gejunuloj.

Mi sugestas, ke ĉiu junulo sendu leteron aŭ artikolon al sia nacia fervojista revuo, por ke la redaktoroj kaj legantoj konstatu la intereson, kiun Esperanto vekas ankaŭ ĉe la junaj fervojistoj, kiuj legas la revuon.

Samtempe, ni zorgu konservi la internacian junularan etoson en niaj kunvenoj, en niaj skio-semajnoj kaj kongresoj, kaj ankaŭ en ĉiuj aliaj kunvenoj.

Ĝis revido, do, se ne antaŭe, en Plan Val Gardena, Italio, por la 16-a Internacia Fervojista Esperanto — Skio-semajno, okazonta de la 15-a ĝis la 22-a de februaro 1975.

Mi bezonas la kunlaboron de vi ĉiuj !

Mirella MERLANI

Via Giovanni Verga 69 -
I - 00137 - ROMA - Italio.

# Germana Federacia Fervojo — DB — en la 59-a Universala Kongreso

La 59-a UK de Esperanto okazis la 26-an de julio ĝis la 3-a de aŭgusto 1974 en Hamburg (Germanio) kun 1850 partoprenantoj el 50 landoj. En la kadro de la laŭkutima multvaria programo okazis la tradicia fervojista **kontaktkunveno** mardon, 30-an de julio en formo de « Fervojista tago — internacia ». Partoprenis ĝin 80 personoj el 16 landoj. GEFA kiel respondeculo preparis belan programon, kiu komenciĝis matene en la granda salono de la fervoja direkcio en Hamburg per akcepto flanke de ties prezidanto Kuno Mohr. Ĉeestis reprezentantoj de la Sociala organizo BSW kaj de la plej forta fervojista sindikato, kiuj parolis same kiel la prezidanto de Germana Esperanto-Asocio, d-ro Bormann. Sekvis interesa faka prelego de Gernot Ritterspach pri novaĵoj de la fervojo, ekzemple pri kolortestoj de DB por trovi plej bonvenan eksteraĵon por la pasaĝervagonoj. Willi Barnickel rememorigis per amatora filmo pri la belega kongreso en Tarragona. Sekvis komuna manĝado en agrable situanta restoracio apud la Elbe-rivero kaj poste kelkhora rondveturado per 2 ŝipetoj tra multaj basenoj de la haveno. Speciala celo estis la kontenera terminalo, kie oni praktike povis observi tion, pri kio i.a. temis la pasintjara fakprelego en Beograd. Ĉiu el la 80 partoprenantoj antaŭe ricevis koncizan priskribon de la hamburga haveno kaj sur la ŝipetoj detalan planon de ĝi.

Laŭ peto de LKK la **Germana Federacia** Fervojo instalis oficialan informejon en la modernega kongresejo, kies plej granda salono povas akcepti 3000 personojn. Ses membroj de GEFA tie deĵoris dum la tuta kongreso kaj donis al la kongresanoj ĉiujn servojn kutimajn ĉe fervojaj bileteldonejoj. La rezultoj estis pli ol kontentigaj. Venditaj estis 320 komunbiletoj validaj dum 7-8 tagoj por ĉiuj hamburgaj trafikiloj, 284 aliaj biletoj, plej ofte al eksterlando, 183 sidlokojrezervioj, 37 kuŝlokoj, 9 litoj kaj 9 TEE-suplementoj. Enspezoj 19 000 GM. Krome estis donitaj 2000 horar kaj tarifinformoj, ofte tre komplikaj. Centoj da « Interurbaj Horaroj » kaj varbiloj de la fervojo estis apude disdonitaj al la klientoj. Apud la informejo pendis la oficialaj afiŝoj kun la ekveturtempoj de ĉiuj trajnoj kaj koncizaj gravaj informoj, ekstrakte tradukitaj el la oficiala horaro. Ĉi tiu giĉeto eĉ pli forte estis frekventita ol simila en la 43-a UK en Mainz. Jen vera tasko por niaj landaj asocioj aranĝi similan estonte. Ĉu en Kopenhago 1975 ? ? Laŭ la hamburga ekzemplo la kostoj por la stando kaj la deĵorantoj estas pli ol reenspezitaj. Krome la tuta afero estas bonega reklamo por la respektiva ŝtata fervojo, ĉar ankaŭ en la gazetaro aperis artikoloj kaj radio kaj televisio kelkfoje raportis pri tiu speciala fervoja agado.

En la unua Ĝenerala Kunveno de UEA salutis la fakaj asocioj. Ĉeestis ĝin la prezidanto de IFEF, J. Giessner, la UEA-komitatano A de IFEF, d-ro J. Bácskai kaj la ĉefkomitatano de IFEF, K. Greutert. Salutis nome de IFEF ties prezidanto. Li emfazis la fakan agadon de la fervojistoj esperantistaj kaj la multfacetajn interplektojn inter IFEF resp. ties landaj asocioj unuflanke kaj la fervojaj kompanioj, ties kulturflekantaj organizajoj, diverskoloraj sindika-

toj kaj multaj aliaj organizaĵoj aliaflanke.

La prezidanto krome substrekis la eminentan valoron de la oficiala reprezentado de DB en la kongreso.

Manko de spaco malhelpas skribi pli pri tiu grava kongreso. Komparu tamen la gvidartikolon de ĉi tiu numero.

Giessner.




« Konteneroj al fora Azio sur kontenera ŝipo ĉe kajo en la grandega kontenera terminalo de la hamburga haveno. Jen la praktiko de la problemoj, pri kiuj temis la fakprelego en la Universala Kongreso de Beograd 1973. »




# TEKNIKO

## EVOLUADO DE RENFE DUM LA LASTA JARDEKO

Resumo de fakprelego prezentita dum la 26-a IFEF-Kongreso Majo 1974 en Tarragona (Hispanio).
(Vidu IF4 - paĝoj 50-57)

### 1. Fervojlinioj

Kiam postmilite en 1941 estis kreita la Fervoja Nacia Hispana Reto (RENFE) ĝiaj linioj ampleksis 12778 km, kun larĝa ŝpuro de 1676 mm. En la jaro 1963 stariĝis la Dekjara Projekto por Modernigo (DPM) 1963-1972, kiu i.a. ĉesigis pli ol mil kilometrojn da neprofitdonaj relvojoj. La nun ekspluatata reto ampleksas 13523 km.

### 2. Renovigo kaj modernigado

La moderniga plano DPM precipe celis la ĉefajn liniojn por plialtigi tie la komercan rapidecon kaj redukti la kostojn por trakkonservado kaj veturilriparo. Oni modernigis pli ol 5 mil kilometrojn da trakoj, kio forprenis 30 % el la financaj rimedoj por la plano. Por atingi, ke la meza aĝo de trako ne superu 20 jarojn, oni devos ĝis 1987 renovigi ĉiujare 500 km.

### 3. La cirkulanta materialo

25 % el la financaj rimedoj por DPM estis destinitaj por pligrandigi la nombron de disponigeblaj sidlokoj en komfortaj pasaĝervagonoj, kaj larĝa gamo da specialaj varvagonoj estis akirita. Elektrotrajnoj kaj dizelaj motortrajnoj kompletigas la oferton de la konvenciaj trajnoj. La tria klaso de pasaĝervagonoj estas ĉesigita, ĉirkaŭ mil lignaj vagonoj eksigitaj kaj anstataŭigitaj. La maksimume permesebla aĝo estonte estu por pasaĝervagonoj, 35 jaroj, por elektrotrajnoj 30 jaroj kaj por dizelaj motortrajnoj 25 jaroj.

### 4. Pasaĝeroj

Proporcie kun la pliboniĝo de la nacia ekonomia stato ankaŭ kreskis dum la jardeko la nombro de transportitaj pasaĝeroj je 15 milionoj kaj tri miliardoj da pasaĝerkilometroj. La enspezoj el la pasaĝertrafiko kreskis je 5 miliardoj da pesetoj, ĝi duobliĝis.

### 5. Varoj

La vartrafiko antaŭe stagnanta pliiĝis en la jardeko je 5 milionoj da netaj tunoj kaj 1,8 miliardoj da tunkilometroj. Eĉ pli kreskis la enspezoj je 2,75 miliardoj da pesetoj sekve de tarifplialtigoj.

### 6. Specialaj transportoj

La unua kontenera trajno (TECO) trafikis 1972 inter Madrido kaj Barcelona, en 1973 oni jam transportis pli ol 30 mil kontenerojn kun neta pezo de 300 mil tunoj kaj 200 milionojn da tunkilometroj.

### 7. Trakcia materialo

La perkarba vaportrakcio grandskale malaperis dum la jardeko. RENFE akiris 90 elektrajn lokomotivojn, 112 elektrotrajnojn, 270 dizelajn liniolokomotivojn, 215 dizelajn manovrolokomotivojn, 19 TALGO trajnoj, 33 TER-trajnojn kaj 125 relaŭtobusojn.

8. **Fiksaj instalaĵoj**

Elstaris dum la jardeko la inauguro de la nova stacio Chamartin ĉe Madrido, la konstruado de pluraj stacioj laŭlonge de la nova relvojo Burgos-Madrido, kaj la renovigo de multaj centraj stacioj. Pri stacioj por vartrajnoj estas menciinda la inaŭguro de manovrejo Vicalvaro.

Sur la sektoro signaliloj kaj telekomunikado oni faris preparojn por centrigita trafikkontrolo, instalante komunikilojn por alta frekvenco kaj centrigita selektilo, precipe je la linioj Tarragona-Tortosa kaj Valencia-Sagunto. Koncerne neprofitdonajn liniojn oni celas fermi kaj malinstali grandan nombron da linioj kun negativa bilanco.

Domkonstruaĵoj : Krom stacidomoj, konstruaĵoj por trakkonservado kaj kun socia karaktero estas rimarkinda la inaŭguro de nova oficejdomo kaj la akiro de alia oficejdomo, ambaŭ en Madrido. Ankaŭ centra riparejo estis konstruita.

9. **Elektroniko**

La enkonduko de elektronika biletvendado en 1968, komence nur por trajnoj ek de Madrido, servas al rapidmoveco kaj modernigo de la vendosistemo : La biletojn inkluzive rezervado de sidloko oni jam du monatojn antaŭe povas akiri. Intertempe la servo etendiĝis al preskaŭ ĉiuj trajnoj kaj ĝi funkcias same ĉe RENFE-oficejoj kaj vojaĝagentejoj. Du pliaj komputeroj ebligis inkluzivigi i.a. la kombinon de litvagona bileto kun la vojaĝbileto en unu bileton, kaj la kontrolon de la pasaĝervagona stoko. La enkonduko de plej moderna sekurecsistemo « centra trafikkontrolo » (CTC) estas en preparo respektive jam parte okazis sur kelkaj linioj.

10. **Organizado pri kontoj kaj administracio**

Sekvante la kreskantajn bezonojn oni kreis por asignitaj taskoj novajn departementojn, kunfandis aliajn kaj formulis strategian planon pri la organizado.

11. **La projekto RENFE 1972-1975**

Ne temas pri simpla daŭrigo de la DPM, tio estas nur eta parto. Precipe ĝi antaŭvidas projekti estontecan fervojon je plej altaj rapidecoj kaj la aplikon de cibernetiko al transportproblemoj en grandaj urboj kaj por specialaj vartransportoj.

12. **La homo en RENFE**

Laŭ la strategia plano RENFE faros diversajn agadojn por disponigi familian helpon kontraŭ riskoj kaj malagrablaĵoj ne inkluditaj aŭ ne sufiĉe konsideritaj de la socia asekuro. Krome oni esploras la enkondukon de kombinita sistemo pri bazaj salajroj kaj stimulpagoj laŭ la evoluado de la vivkostoj. Fine oni cedos kreditojn al fervojistoj por akiri loĝejojn kaj samtempe RENFE mem konstruas familiajn loĝejojn.

13. **Profesia klerigado**

Oni konsideras ĉiujn kategoriojn de fervojretaj laborantoj kaj ankaŭ novajn aŭ konvertendajn fervojistojn, planas la necesajn instalaĵojn. Plie oni favoros kulturan kelrigon de la laboristoj kaj iliaj familianoj per esceptaj helpoj.

14. **La financa situacio**

RENFE en 1970 unuafoje atingis pozitivan ekspluatbilancon kaj oni esperas en proksima estonteco atingi memfinancadon. RENFE prenis trifoje krediton ĉe la Internacia Banko pri Rekonstruado kaj Progresigo (IBRD) pri entute pli ol 200 milionoj da usonaj dolaroj, la ŝtato donis la necesan garantion.




# 16-a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno « I.F.E.S. — 75 »

15-22 februaro 1975 en « CASA ALPINA DEL DOPOLAVORO FERROVIARIO DI BOLOGNA » - PLAN VAL GARDENA (Bolzano) Italio.
Organizas : I.F.E.A., Via Donato Creti, 61 = I-40128 BOLOGNA, Italio.
Poŝtkonto : 8/24094 — Itala Fervojista Esperanto-Asocio « I.F.E.A. » Via Donato Creti, 61 = I-40-128 BOLOGNA, Italio.

Plan Val Gardena situas je la piedoj de la Dolomitoj je alteco de 1 600 metroj. Plan estas parto de urbeto Selva Val Gardena. La domo disponigas ĉambrojn je 2, 3, 4 litoj kun duŝo ; nur malmultajn unulitajn sen duŝo.

Prezo por la tuta restado (kompleta pensiono) italaj liroj 40'000.

Sciigo pri eventuala plialtigo de la prezo estos sendota al la aliĝintoj, kiuj tamen ricevos, rekte pliajn informojn.

**GENERALAJ INFORMOJ**

1) Samtempe kun la aliĝilo sendu nepre italajn lirojn 10'000 po persono kaj po semajno : ĉi tiu sumo ne estas repagebla kaze de nepartopreno. Ni pritraktos nur la aliĝilojn kun tiu ĉi antaŭpago.
2) « Casa Alpina del D.L.F. di Bologna » en Plan Val Gardena, kie okazos la I.F.E.S.-75 estas atingebla per aŭtomobilo.
Fervoje oni devos halti en CHIUSA (km 28 de Plan) aŭ en BOLZANO (km 45) por ekuzi la aŭtobuson kiu veturas al Plan.
3) Ni garantias la rezervigon de la ĉambroj al tiuj kiuj aliĝos ĝis la 1-a de decembro 1974. Ni ne bezonas limigi la kvanton de la gepartoprenontoj, se ili ĝustatempe aliĝos.
4) Kaze ke pro eventuala plialtigo de la prezo iu deziros malmendi la restadon, li rericevos la pagitan sumon, kondiĉe ke li malmendu antaŭ la 31-a de decembro 1974.

---

## ALIĜILO

Mi aliĝas al 16-a I.F.E.S.—75 = 15-22 Februaro 1975

Familia nomo : S-ro S-ino F-ino ..............................

Antaŭnomo : ..............................

Strato kaj numero ..............................

Poŝta Gvidnumero .............................. Urbo ......

Lando/..............................

Mi intencas loĝi kun ..............................
en dulita — trilita — kvarlita—ĉambro

Mi intencas alveni je la (tago kaj horo) ..............................
per aŭtomobilo per trajno en ..............................

Mi deziras resti plian semajnon jes ne (forstreku la nedeziritan)

Samtempe mi sendas la antaŭpagon de italaj liroj 10'000, al ..................

Dato .............................. Subskribo

# INFORMOJ EL LA IFEF — SEKCIOJ

## AŬSTRIO

**Linza Esperanto Skisemajno 1975**

En Aŭstrio okazos la LES 1975 de 8-a ĝis 15-a de februaro 1975 en Sportalm Strussing apud Bischofshofen. Informoj : Joh. Geroldinger, Strassham 293, A-4072 Alkoven, Aŭstrio.

el J. Geroldinger.

## FRANCIO

La Kultura Esperantista Centro en TOURS (Francio) sukcesis konvinki la Turisman Oficejon de tiu urbo eldoni folion en Esperanto, aldone al turisma broŝuro.

La esperantistoj estas petataj rilati en Esperanto dum vizito al la Oficejo aŭ skribi en esperanto al :

OFFICE du tourisme de TOURS - Place de la Gare - 37000 TOURS - Francio.

el A. Aude.
FFEA.

## NORVEGIO

Alvoko de Kolego Kolbrek.

Mi estus tre dankema se vi povus sendi al mi kontribuon por « Fervojista Paĝo ». La longeco de la artikoletoj aŭ informoj devas laŭ longeco konveni por la « Paĝo » kaj la enhavo kompreneble devas temi pri fervojistaj aferoj, ekzemple pri specialaj modernaj aŭ novaj trajnoj, pri interesaj aŭ amuzaj travivaĵoj, k.t.p.

Mi devas havi la rajton mallongigi la kontribuojn, se necesas, ĉar « Fervojista Paĝo » ne estas granda.

O. Kolbrek.
Kaldbakkstubben, 22, Oslo 9

## SVISIO

La trafikoficejo en ROMANSHORN, urbo kie loĝas nia amiko Walder, eldonis folion kun turismaj informoj en Esperanto.

Mendu ĝin al Verkehrsburo (Trafikoficejo) - Bahnhofplatz - CH 8590 Romanshorn. La oficistino, F-ino Niederhauser, korespondas en Esperanto.

## ITALIO

**Italaj ŝtataj fervojoj kaj esperanto**

RAPORTO PRI LA GAZETARA INTERVUO KAJ PRI LA STANDO ĈE LA FOIRO DE PADOVA

La 17-an de majo 1974, ĉe la sidejo de « Libertempa organizaĵo por fervojistoj » —Dopolavoro Ferroviario— en Padova, aranĝita de vagonarestro Tammone Pasquale, gvidanto de la loka Fervojista Esperanto Grupo « Brento », okazis gazetara konferenco pri la internacia lingvo Esperanto.

Ĉeestis kvardeko da personoj, inter kiuj du eminentaj ĵurnalistoj de du gravaj ĉiutagaj ĵurnaloj, inĝ.ro PRADELLA estro de fervoja Departemento Venecio, Inĝ.ro Zannini Aldo eks-direktoro, la staciestro de Padova Kav. ro Cecchetti, reprezentantoj de IFEA-grupoj el Venezia, Padova, Treviso kaj Vicenza.

La intervjuato estis direktoro de I.E.I.-Itala Esperanto Instituto-d-ro Karlo Minnaja, kiu post mallonga prelego pri la valoro de Esperanto lingvo, kompetente respondis al demandoj pri la monda E-movado, pri UEA kaj ĝiaj rilatoj kun UNESKO, pri la nuna situacio por enkonduki esperanton en la italajn lernejojn, pri la literaturo originale verkita aŭ tradukita en naciajn lingvojn, pri disvastiĝo de preskaŭ 200 gazetoj aŭ revuoj esperante eldonitaj.

Minnaja aparte reliefigis la kategorion de fervojistaj esperantistoj kiel unu el la plej elstaraj kaj agemaj fak-asocioj. Krome li raportis ke IFEF alte meritas ĉar en ĝi grupiĝas fervojistoj el 23 ŝtatoj kaj ĉiujare aranĝas internacian kongreson, kiun partoprenas pli ol 700 asocianoj.

Post kelke da jaroj estos preta ankaŭ en esperanto la teknika fervoja terminologio kaj oni esperas ke ĝi estos enkondukita en « lexique général des termes ferroviaires » kiu nun

estas uzata en ses lingvoj ĉe la eŭropaj fervojaj administracioj aliĝintaj al la U.I.C.-« Union internationale des chemins de fer ».

Dum la internacia specimenfoiro en Padova, de la 31-a de majo ĝis la 13-a de junio, dank'al la helpo kaj interkonsente kun ŝtataj fervojoj de Venecio, oni aranĝis standon kaj fervojista esperantisto Tammone propagandis nian lingvon. Multe da vizitantoj interesiĝis pri esperanto, kiel valora ilo simpla kaj neŭtrala por plej taŭga interkompreno inter la popoloj ne nur en literaturo sed ankaŭ en komerco kaj industrio.

Fine la nova fervojista esperanto grupo « Brento » (Brenta estas la nomo de rivero kiu trafluas Padova-n) planis akcepti kaj akompani tra la urbo Padova ĉiujn partoprenontojn la SAT-Kongreson, kiu okazos en aŭgusto en la urbo Bergamo.

el IFEA




**Italaj ŝtataj fervojoj « FS » kaj esperanto**, en la sama stando dum la Internacia Specimena Foiro en Padova.

En la foto estas videblaj la Esperanto-pioniro Prof-ro Giovanni Saggiori kaj nia aktivulo Pasquale Tammone. Danke al ili oni okazigis tiun interesan aranĝon kiu vekis grandan intereson dum la tuta Foiro.

## ANONCOJ

**Amiko NAWROWSKI**, GDYNIA, Hetmanska 20, Polujo, serĉas : « verda Vojo » - n. 1,2,6/1960. la Kongreslibrojn de : Bruselo 1964, Maribor 1971, Aarhus 1973, kaj Tarragona 1974. Kiu povus helpi lin ?

**Sukcesa Esperanto-libro de fervojisto**

Ĵus ni eksciis ke, dum la Universala Esperanto-Kongreso en Hamburg, furore vendiĝis la nov-speca didaktika legolibro « Amuzaj dialogoj en Esperanto », verkita en simpla lingvo-stilo far nia franca membro A. LIENHARDT (emerita fervoj-inĝeniero en Mulhouse) kaj humore ilustrita far nia pariza membro André FONNET (pseŭdonime : ARFOLL).

Tiu rekomendinda legolibro, aperinta en la eldona fako de U.E.A. (Rotterdam), ebligas al novaj kaj malnovaj Esperanto-lernantoj agrable kaj sen-pene ekzerci sin en **parola uzo** de nia lingvo. Tial, ĝi estas dis-konigenda inter kursanoj, grupanoj kaj ĉiuj amikoj de Esperanto,

**Franclando** - Emeritulino fervojista kiu sekvas la 2-a-grada kurso, deziras korespondi kun amiko (kaj amikino) el Belgujo, Nederlando, Svisujo, Italujo.

S-ino ROSSIGNOL « LE TILLEUL » 61500 TANVILLE.

**Sovetio**

Gestudentoj de geodezia instituto deziras kolekti ekspozician materialon, do mapojn, atlasojn kaj turismajn prospektojn, eldonitajn en diversaj landoj. Interŝanĝe vi ricevos de Novsibirska regiono atlason aŭ similajn eldonaĵojn, laŭ via deziro. Nia adreso : Esperanto-Klubo, Abonkesto 213, 630 099, NOVOSIBIRSK, USSR, Siberio.

# EŬROPA FERIOSEMAJNO



Por la 15-a fojo okazis la Eŭropa Feriosemajno aranĝita de la organizintoj s-roj Hunkeler kaj Glättli, sub aŭspicioj de la Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj kaj IFEF. Ĉifoje ĝi okazis de la 22-a ĝis la 28-a de septembro en Magliaso, dekon da kilometroj for de Lugano. La semajnon ĉeestis 87 personoj el 11 landoj, inter ili eĉ aŭstraliano. El Svislando mem estis 15 personoj.

Kiel loko oni uzis la novan evangelian centron por ferioj kaj klerigo en Magliaso, kuŝanta en bela parko tuj apud brako de la Lugana Lago. La centro konsistas el pluraj domoj por loĝado, el konstruaĵo enhavante kioskon, poŝtoficejon, restoracion kaj manĝosalonon. Kompletigis ĝin naĝbazeno kaj ludejo. La varia programo de la feriosemajno do trovis la necesajn adekvatajn ejojn por senĝena evoluo kaj efektivigo. La regionaj radio, televido kaj gazetaro montris grandan intereson al la feriocentro kaj la feriosemajno.

La programon oni povis dividi en tri partojn, instruan, ekskursan kaj distran. La instrua parto okazis antaŭtagmeze kaj konsistis el paralelaj diversgradaj lingvo-kursoj kiujn gvidis kompetente s-roj Bächli, Hunkeler kaj Liechti. La grandnombra ĉeesto de la partoprenintoj atestis pri interesaj lecionoj. Posttagmeze okazis la ekskursa parto, kiu kondukis la feriantojn al la konata merkato en Luino, al ŝiprondveturado sur Lugana-lago, al vizito de « Mendrisiotto » kaj « Malcantone » du belegaj ti-ĉinaj regionoj. La vesperoj estis plenigitaj per variaj distraj kaj amuzaj programeroj. La aktiva kulaboro kaj kontribuo de la ĉeestantoj donis al tiuj vesperoj tute apartan atmosferon kaj zorgis por la necesaj reciprokaj kontaktoj. Oni sentis sin en granda familia rondo.

La bona organizado kaj prizorgado, la belaj ekskursoj kaj la harmonia rondo kiu kune akiris belajn memoraĵojn kaj travivaĵojn zorgis por ĉies kontenteco kaj por la al Esperantistoj tiel kara etoso.

K. Greutert.

# REMEMORAĴOJ

**ANTAŬ 65 JAROJ**
**HISTORIO DE LA FERVOJISTA MOVADO**

El la « Esperanta dokumentaro de E.C.O. : Kvina Universala Kongreso de Esperanto, Barcelono 5/11 septembro 1909 » (paĝoj 94 k 95).

**FERVOJISTOJ :**

**La unua kunsido okazis la 7-an de septembro 1909 :** Ĉeestantoj : 11, inter kiuj 5 francoj : S-roj Aussenac, Berlande, Bontemps, Meunier, Robin ; 1 anglo : S-ro Freeman W. Crofts ; 2 germanoj : S-roj Petzold, Engst ; 1 aŭstriano : S-ro Schwarz ; 1 dano : S-ro Hinrichsen ; 1 ruso : S-ro Sandecki.

Oni elektis kiel prezidanto(n) S-ron Berlande el Villeneuve-Saint-Georges, kaj kiel sekretario(n) S-ron Bontemps el Parennes.

S-ro Berlande dankas la ĉeestantojn kaj sendas koran saluton al nia kara Majstro, D-ro Zamenhof, kies genio permesas al la fervojistoj de malsamaj nacioj kunveni en Barcelono ; li dankas ankaŭ la Komitaton de la Va por lia kora akcepto.

Poste, la « Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj » (I.A.E.F.) estas starigita kun la sekvantaj celoj :

1 - propagandi Esperanton de D-ro Zamenhof inter la fervojistoj de ĉiuj landoj,
2 - starigi specialan profesian vortareton kiu, post ĝia plena ellaboro, estos eldonata de la Asocio,
3 - kuraĝigi interŝanĝon de profesiaj ideoj, inter homoj de sama metio, sed de malsama nacio,
4 - eldoni ĉiujare adresaron de la esperantistaj fervojistoj,
5 - faciligi interŝanĝon de infanoj de fervojistoj dum la libertempoj,
6 - kuraĝigi la societanojn ĉeesti la esperantistajn kongresojn, faciligante la vojaĝojn.

A. Blondeaux.

**ANTAŬ 15 JAROJ**

el « Pola Fervojisto » - Septembro 1959.

« La plej moderna ferdekŝipo de malfermita kaj samtempe fermita tipo estas nia nova M/S ZAMENHOF, kiu estis surakvigita la 12/7/59 en la ŝipkonstruejo Brodogradilište en Jugoslavio.

« La ŝipo estas konstruita por la Polaj Oceanaj Linioj, kiuj estas la armatoro. La ekspluatanto estas la komuna navigada pola-ĉina entrepreno Chipolbrok ,kiu fondiĝis en la jaro 1951 laŭbaze de farita kontrakto inter la registaroj dela Pola kaj Ĉina Popolaj Respublikoj. »

E. Nawrowski.

# FERVOJAJ NOVAĴOJ

**PORTUGALIO**

Nova Simbolo de la Portugalaj Fervojoj.

La fervojoj portugalaj adoptis tiun novan desegnon por simboli la siglon C.P.

ĝi simbolas la streĉon de la C.P. pri renovigo.

**DANLANDO**

La 26.5.74 komenciĝis nova epoko por DSB (Danaj Fervojoj) novaj, modernaj kaj pli komfortaj vagonoj, novaj koloroj, novaj uniformoj kaj nova aspekto kaj tipografio de la horaro.

**La Redaktfino por la venonta**
IF ests 15-1-75
**Presejo : Editions Polyglottes -**
**232, rue de Charenton**
**75012 Paris - Francio**

DEFA kaptis tiun okazon instigi al DSB translokigi la Esperanto-klarigojn de la granda horaro por la eksterlanda trafiko.

Ni petas vin sendu al DSB (Vesterbrogade 84 Köbenhavn) dankleterojn kaj montru al via fervoja administracio la horaron por instigi al ili agi simile.

# TUTMONDAJ KONGRESOJ

**40-a KONGRESO DE NZEA**
**4-8 Januaro, 1975**

Kiel jam anoncite je la 39-a Kongreso, la 40-a okazos en Christchurch. Jen la kontaktadresoj :

Loka Kongresa Komitato : P.O. Box 13-213, Armagh, Chistchurch — por loĝado kaj administrado.

Konstanta Kongresa Sekretario : S-ro A. Richardson, 54 Smithfield Road, Wanganui — por partopreno en kaj proponoj por la programo. Plenaj detaloj aperos en « NZE », N-ro 376.

Adreso de NZEA kaj la Redakcio de « NZe » : P.O. Box 330, Wellington 1. - Nov - Zelando.

**ESPERANTO-KONGRESO EN LA ARKTIKO**

Norvegujo estas longa lando. Tial bedaŭrinde ĉiam multaj samideanoj devus travojaĝi longan distancon por atingi nian landan kongreson.

Nur malofte ni havis okazon kongresi en la norda parto de la lando. Sed nun la malgranda, sed tre aktiva kaj kuraĝa Esperantoklubo La Norda Lumo en Tromsö invitis al sia urbo la 44-an Norvegan Esperanto-Kongreson, kaj la Liga Estraro danke akceptis, ke la kongreso okazu en Tromsö 5.—6. Julio 1975. La klubo jam vigle komencis la preparlaborojn.

Tromsö estas nomata « la pordo al la Arktika Maro ». Sed ne timu : somere la klimato tute ne estas arktika, la temperaturo povas atingi + 25° C ! Kaj ĉu vi scias, ke kun siaj 2 400 km2 Tromsö estas laŭ areo la plej granda urbo de la Nordo ? La loĝantaro proksimiĝas al 50 000. La urbo ankaŭ estas la « ĉefurbo » kaj universitata urbo de Norda Norvegujo.

La naturo kaj la vivformo en Norda Norvegujo estas tute alia, ol en la sudo. La kongreso okazos en la sezono de la noktomeza suno, kiam la suno brilos tage kaj nokte. Kompreneble oni ne riso al Tromsö nur por kelkaj kongresaj tagoj. — La Loka Kongresa Komitato jam preparas diversajn postkongresajn aranĝojn, ekskursojn al la plej vizitindaj lokoj en la ĉirkaŭaĵo, kaj, se anonciĝos sufiĉe da partoprenantoj, oni ankaŭ klopodos aranĝi ekskurson eĉ al la Norda Kabo, la plej norda punkto de Eŭropo.

Esperanto-kongreso apud la Arktika Maro ne estas ĉiutaga evento. Tial oni intencas inviti esperantistojn el la tuta mondo, tiel, ke fariĝos ne nur norvega, sed vere internacia esperantista renkontiĝo. Preparu vin jam nun, aranĝu, ke vi pasigos vian someran libertempon 1975 en la ĉarma, ekzotika nordo. La (provizore) plej norda Esperanto-klubo de la mondo atendas vin kaj faras sian eblon por doni al vi unikan travivaĵon.

# NEKROLOGO

**FRANCIO**

**Auguste BROISE (1901-1974)**

La 12-an de julio 1974, en La Madeleine-NONANCOURT (Eure), pro cerba kongesto, preskaŭ subite mortis Auguste BROISE, emerita inĝeniero pri ŝoseoj kaj pontoj, kaj gvidanto de la Terminologia Centro de Internacia Scienca Asocio Esperantista (ISAE).

Naskiĝinte la 29-an de oktobro 1901 en AULT (Somme) li ofte translo-

kiĝos tra la tuta Francio. Unue, en Bretonio, kie en liceo de Lorient la 16-jara junulo ricevas abiturientan diplomon pri filozofio. Pro la tiamaj cirkonstancoj (en 1917) li devas tuj labori kiel helpa imposto-kolektisto en Vannes (Morbihan), kie li intera-



lie eklernas la bretonan lingvon ; poste, kiel projekto-desegnisto ĉe la armeaj servoj en La Courtine (Creuse), kie li ekster-deĵore studas cele trapasi la ekzamenon por fariĝi inĝeniero pri ŝoseoj kaj pontoj.

Ekde 1927, li estas inĝeniero sinsekve en diversaj departementoj, kaj fine en la regiono de Brézolles (Eure-et-Loir), kie li emeritiĝas en 1966.

Jam en 1925, li interesiĝis pri diversaj lingvoj, inkluzive de Esperanto ; sed, nur en 1945, li povos dediĉi pli da tempo al ĉi tiu ŝatata okupo. Bedaŭrinde liaj junaj lernantoj ne persistis, kaj tial, de tiam, Auguste Broise individue laboris por Esperanto. En 1958, li finis la verkadon de sia « Teknika Terminaro pri ŝoseoj kaj pontoj », eldonita en 1959 de U.E.A.

En 1971, li anstataŭis D-ron Haferkorn, kiel gvidanto de la Terminologia Centro de ISAE. Tiam, li kun-ordigas la penojn de pluraj kunlaborantoj, sed li precipe korektas multajn verkojn : de la simplaj esprimoj pri sportoj ĝis la teknikaj-sciencaj tradukoj destinitaj al la Slipa Vortaro de S-ro Eichholz (Kanado).

Auguste BROISE studis plurajn lingvojn, kaj, el ili, li kapablis skribi aŭ paroli almenaŭ kvar. Krome, li pasiiĝis por la matematikoj kaj la arkeologio.

Kar-memora kaj ne-forgesebla restos ĉi tiu eminenta samideano, malalta laŭ la staturo, sed granda laŭ la kapableco senlace labori por nia nobla afero, precipe por perfektigi la teknikan-sciencan vortaron.

A. Blondeaux.

## ITALIO

**Lucia TERRAZZANI** — La koro de S-ino Lucia TERRAZZANI ĉesis bati la 17-an de aprilo en Verona.

Ŝi naskiĝis en Pirano d'Istria, sub la suvereneco de Jugoslavio, la 1-an de aprilo 1886-a. Do ŝi de kelkaj tagoj fariĝis 88-jaraĝa.

Ŝi, kvankam instruistino, de longe estis membro de la Itala I.F.E.F.-Sekcio, kaj ofte partoprenis en niaj kongresoj. Ĉiam en la unua vico kun sia notlibreto ŝi estis karakteriza kaj verva figuro de niaj kongresoj kaj renkontiĝoj.

S-ino Terrazzani aliĝis ankaŭ al la 26-a IFEF-Kongreso en Tarragono, sed kiam ni telefonis al Verona por akordiĝi por la vojaĝo al Hispanio, ni eksciis pri ŝia subita forpaso.

Ŝi laboris ankaŭ en katolika esperanto-movado, kaj estis sekretariino de la 29-a I.K.U.E.-Kongreso en Romo.

## GERMANIO

— En **Germanio** ni denove perdis fidelan membron.

Anton V a t h, Ĉeflokomitivisto i.R. el Karlsruhe
forlasis nin la 2-an de aŭgusto 1974. Kvankam li estis malsana dum longaj jaroj, li ofte partoprenis niajn aranĝojn kaj daŭre interesiĝis pri ĉio en la movado.
Al la edzino ni sincere kondolencas.
Ni konservu al li bonan memoron.